# GAŬĈA STELO



Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 23 – marto / 2002





## 2a Monda Socia Forumo

Cesar D. Soares ( el "Gaja Haveno")

Okaze de la 2ª Monda Socia Forumo realigata en Porto Alegre/ RS de la 31/1 ĝis l5/ 2, kiel instrumento de rezisteco internaci-skala al la imperlisma tut-mondiĝo ekskludema, la Esperanto movado de la regiono kaptis la okazon por aranĝi tute unikan kaj ege gravan diskonigadon de nia transnacia lingvo sub la aŭspicioj de BEL/ UEA kaj speciala apogo de GEA- Gaŭĉa Esperanto Asocio. Sekve oni slstarigas la ĉefajn sukcesojn de tiu laboro.

## Esperanto sur-strate

La 31an de januaro, en la malferma tago de la Forumo, ĉirkaŭ 50 mil homoj ne nur el Brazilo sed el aliaj mond-partoj, partoprenis en 2-kilometra grandioza marŝado de la urbo-centrto de Porto Alegre ĝis la anfiteatro Por-do-Sol, ejo de la malferma cerimonio, ĉe la bordo de la lago Guaiba. La E-istoj de la regiono en konsiderinda nombro, partoprenis portantaj aron da slogan tukoj atento-kaptaj.Ĉe la anfiteatro oni restis dum la tuta tempo por eksponado de la slogan-tuko kaj distribuado de mult-nombraj fald-folioj. La 4an de februaro oni ankaŭ partoprenis en la marŝado kontraŭ ALCA.

## Ateliero

La 2an de februaro, ĉe la kampuso de PUC/ RS, en Porto Alegre, oni realigis nome de BEL/ UEA atelieron *A lingua internacional Esperanto como instrumento de Promoção da Paz*. Ĉirkaŭ 120 homoj atente akompanis la sciigojn pri E-o laŭ la jena programo. *: O que é o Esperanto* ( Luiz Fernando Puhl ), *Como é o Esperanto* ( Marcelo Stoduto – delegito kaj kunordiganto) , *O Esperanto na Atualidade* ( César Dorneles Soiares ), *O Esperanto e a Internet* ( José Alzemiro Pacheco ), *O Esperanto e a Paz (* Maria da Glória Geyer – delegitino ). Inform-materialon ricevis ĉiuj partoprenantoj.

## Intervjujoj

- Al la itala tag-gazeto " Corrierre della Sera "
- Al la franca gazeto "Le Monde "
- Al la brazila tag-gazeto "Folha de S. Paulo" ( regiona kajero )
- Al la novaĵ-agentejo " Associated Press "
- Al la ret-novaĵĵo-agentejo "Informes" ( kies materialo pri E-o jam troveblas ĉe ĝia ret-paĝo : < www.informes.org.br >
- Al la ret-novaĵ-agentejo "Carta Maior"
- Al la gaŭĉa radio-stacio " Gaŭĉa "
- Al la gaŭĉa radio-stacio "Cultura FM "
- Al la gaŭĉa komunuma radio-stacio " RTC- " Rádio Difusora Comunitária "
- Al la gaŭĉa lomunuma radio-stacio "Rádio Muda"
- Al la gaŭĉa televid-stacio TVE (du-foje vive )
- Al la brazila televid-stacio "Bandeirantes " / Porto Alegre
- Al la brazila televid-stacio "Comunitária "/ SC
- Al la televid-stacio " Cultura "/ SP
  Al la transnacia Radikala Partio

Aparte menciinda estis la valora laboro de nia s-ano Jozefo Paŝeko kiu faris 600 fotojn cele al E-gazetaro same kiel al la diskut-listoj < br.groups.yahoo.com/ group/ esperanto.br > kaj < www.esperantobr.cib.net >.



## Ŝerco

Stevardino de TAP ( portugala aviadil-kompanio ) donis la jenajn informojn al pasaĝeroj : Kie aperas skribita "PUSH" , ne " puxe, empurre ". Kiam aperas skribita "PULL", ne "pule, puxe" . Kaj kie estas skribita "EXIT" , ne " hesite, pule..."

## Gaŭĉaj Popoldiroj

Blinda kiel kato el gipso
Bela kiel kamizolo de fianĉino
Ĉirkaŭvolvita kiel kristalo por vojaĝo
Difektita kiel birdido en infanmano
Dika kiel hundo de kuiristino
Dika kiel fingro de buĉisto
Dormadis kiel lacerto sub varma suno
Efika kiel japano en legomĝardeno
Konata kiel antaŭeniri

## "Esperanto-Gaúcho" Kodisko

La brazilaj kaj alilandaj esperantistoj baldaŭ konatiĝos kun la plej elstaraj popolaj kaj folkloraj muzikoj de la gaŭĉa kanzonaro. Temas pri La zorge prilaborita muzikkolekto nomata " **Esperanto Gaúcho**", Kunlabore kun Gaŭĉa Esperanto Asocio. La Kodisko prezentas 15 bendojn profesie produktitajn kaj aneksas muziktekstojn tradukitajn al Esperanto far samideano Ivo Sanguinetrti. ( R$ 15,00 +Sedex elspezoj ) .



## Ĉimarita

**Esperantigis:: Ivo Sanguinetti**

La Ĉimarita Balonon, aj
Ne ĉiuj povas dancadi
Ĝi estas nur
Por malpezaj piedoj
Kiu povas piedfrapadi

Mi trafis river'kokegon
Kaj pafis idan kokin'
La riverbirdo forflugis
Kaj mi neniam plu
Vidis ĝin

Ĉimarita hieraŭ mortis
Oni entombigis ŝin
Kiu parolos ion pri Ĉimarit'
Estos kun sama destin"

**ALIA MONDO ESTAS EBLA: LA INTERNACIA NEŬTRALA LINGVO ESPERANTO FARAS SIAN PARTON!**

## La aĝoj de la homo

Diras la legendo ke post la kreo de la mondo, Dio decidis plenigi ĝin. Tiam Li kreis la azenon kaj diris : Vi obeos al homo, kunportos pezajn ŝarĝojn kaj vivos 30 jaroj. Vi estos la azeno.

La azeno volviĝis al Dio kaj diris : Sinjoro, esti azeno, kunporti pezaĵojn kaj vivi 30 jaroj ! Sufiĉas al mi nur 10. Dio tiam kreis la hundon kaj diris . Vi manĝos la oston kiun oni ĵetas surgrunden...Vi zorgos la domon de la homo kaj vivos 20 jaroj. Vi estos la hundo. Pro similaj motivoj al tiu de la azeno, la hundo preferis vivi nur 10 jaroj. Kaj Dio kreis poste la simion : Vi eksaltos de branĉo al branĉo kaj vivos 20 jaroj. Vi faros petolaĵojn. Kaj la simio pensis ke estus laca vivi tiom da tempo.. Kaj Dio finfine kreis la homon kaj diris : Vi estas la Sinjoro de la Tero kaj la reĝo de la bestoj. Vi estos inteligenta kaj vivos 30 jaroj.Sed Sinjoro - diris la homo - regi la mondon kaj vivi nur 30 jaroj ! Donu al mi, Sinjoro, la 20 jarojn kiujn l a azeno ne volis, la 10 de la hundo kaj la 10 de la simio .Kaj Dio konsentis pri la peto : ĝis la 30 jaraĝo li vivas kiel homo, La sekvantaj 20 jaroj li vivas kiel azeno kunportante la ŝarĝojn kaj problemojn de la familio. Ekde 50 ĝis 60 jaroj , li komencas zorgi la domon kiel la hundo, kaj ekde la 60, kiel la simio, li iras de domo al domo, vizitas la gefilojn kaj faras ŝercetojn al nepoj..

## Imitinda afero

Inĝ. Alberto Flores, delegito de UEA en Volta Redonda, RJ , instruas bazan esperantan kurson ĉiuj merkredoj en la Gerontologia Rondo "José Maria Taylor, apartenanta al Asocio de Emeritaj Pensiuloj de Volta Redonda . La kurso estas konsiderata vera okupiteca kultura terapio por ĉiuj kiuj sekvas ĝin. Je la fino oni distribuas Ateston far Volta Redonda Esperanta Klubo. Gratulojn, kara samŝtatano Flores ,pro via imitinda laboro.

## 87a Universala Kongreso

La 87ª Universala Kongreso de Esperanto efektiviĝos en la urbo Fortalezo, Cearao,de 3ª ĝis 10ª de aŭgusto.

La temo estas jene : *Diverseco - ŝanco, ne minaco.* Sidejo : Centro de Convenções " Edson Queiroz". Av. Washington Soares 1141. Cep 60811-340, Fortaleza ,CE.

Ĝis la fino de Februaro aliĝis ĉirkaŭ 800 personoj el 44 landoj. La plej multaj venas el Brazilo mem, kaj el Francio, Germanio, Japanio.Belgio , Nederlando klaj Usono. Tiuj ciferoj tre similas al aliaj aliĝstatistikoj de neeŭropaj kongresoj : Vankuvero, Adelajdo, k.s.




**Gaŭĉa Stelo**

**Informilo de Gaŭĉa Esperanto-Asocio**

Andradas 1251, ĉ.103 - F.3228.31.98

Poŝtkesto 815 - CEP 90001-970

Porto Alegre - RS - Brazilo

Trimonata senpaga bulteno

n-ro 23 – marto / 2002

Redaktoro-ĵurnalisto : Ivo Sanguinetti

Eldonisto: Joaquim Chaves

**esperanto.gea@plug-in.com.br**